# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 10/05/2018 Tricentsepdektria eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj**

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate *Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

**Ĝis nun 1,670,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**



Ekstudis pli ol 1,310,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Ekstudis pli ol 360,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Ekstudis pli ol 2 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.

## N.ro 27 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .



PAG malĝuste diras, ke la mediala voĉo unuigas en si la aktivon kaj la pasivon. Sed tute ne, ĉar la medialo estas sama al la pasivo rigardante returne el la objekto. La diferenco estas, ke en la medialo oni vidas nur la unuan parton de la pasivo, tiel ke malaperis iu ajn ideo pri la origina kaŭzanto, la subjekto, de la aktiva formo. Do se en la aktivo “La knabino lavas la ŝtonon” (sur la marbordo) kaj en la pasivo “La ŝtono lavatas (de la knabino)”, en la medialo “La ŝtono laviĝas” dum oni ne scias de kiu, eble de iu knabino, eble de la akvo, aŭ la vento aŭ la sablo aŭ de ĉiuj, aŭ eble de si mem aŭ de nenio trovebla. Ni mencias nur kio okazas al la ŝtono kaj diras tion en formo kvazaŭ origine ekzistis kaŭzanto. Konsekvence la mediala voĉo amatas de juristoj, kiuj mencias agon sed ne la aganton, ĉu ili scias aŭ ne. Ekzemple en “La krimulo jam puniĝis”, ĉu de Dio ĉu de hazardo ĉu de la polico ĉu de samfamiliano ĉu de nenio ĉu de si mem? Oni ne scias aŭ ne volas diri.




*Marcel Leereveld*





UEA – UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

*en oficialaj rilatoj kun UN kaj Unesko*

*KOMISIONO PRI AGADO EN LA LANDOJ DE MEZA ORIENTO KAJ NORDA AFRIKO*

# Fondaĵo MONA

UEA ĵus starigis la Fondaĵon MONA por subteni la agadojn en la landoj de Meza Oriento kaj Norda Afriko, kiuj estas ĉiam pli rezultodonaj. Vidu, ekzemple, la retajn paĝojn http://esperanto.net/ar/ en la araba.

Ni zorgas ankaŭ pri rektaj anoncoj pri Esperanto en arabaj Facebook-paĝoj, pri sendado de lernolibroj al dezirantoj, kaj pri multaj aliaj kampanjoj.

Zamenhof diris: *al tia afero, kiel nia, la registaroj venas kun sia sankcio kaj helpo ordinare nur tiam, kiam ĉio estas jam tute preta.* Pro tio ni mem, la simplaj kaj sinceraj esperantistoj, devas fari la laboron kaj subteni finance la laboron. Nia komisiono bezonas vian helpon, ankaŭ por ke gejunuloj el nia regiono ekaperu en la internacia movado. Pagmanieroj estas tiuj kutimaj al UEA, https://uea.org/alighoj/pagmanieroj, kun la indiko "MONA". Dankon!



Informis AEon *Renato Corsetti*



# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin. La 5a de Majo estis la unua sabato.

Venis Chris Hollis, Michael Peters, John Casey, Eunice Graham kaj Roger Springer

Ni havis bonan renkontiĝon lastan sabaton.

La komuna estado daŭras kiel kutime.

John Casey ĉiam veturigas Eunice tien kaj reen kaj pro tio, mi volas danki lin pro lia afableco.



Koran dankon, John.

*Chris Holliss*



**BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO**

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h
Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj

*Petro Danzer* BES Sekretario



# Ĝardenmalagrablaĵoj pro sekeco.



## STILAJ KUTIMOJ.

Kiam ni uzas verban radikon en substantivo, ni teorie havas la elekton aldoni komplementon ĉe la verban radikon kiel parton de la vorto aŭ kiel apartajn vortojn. La signifodiferenco estas, ke kiel aglutina kunmetaĵo sinteza la kombinaĵo estas specialaĵo, dum kiel abstrakta esprimo la kombinaĵo estas hazarda okazo. Sed pro stilaj aŭ aliaj konsideroj la Esperantistoj elektas ofte tion kio plaĉas al ili. Mi ĉi sube donos kelkajn parojn por malkovri la kutiman formon.

Oni ne diras la pli ĝustan "Bieron trinkemaj viroj", sed BIERTRINKEMAJ VIROJ, kaj la ĝustan BIERTRINKAJ VIROJ anstataŭ la nekutima "Bieron trinkaj viroj".

Sed oni tamen diras pli ofte BIERTRINKANTAJ VIROJ anstataŭ la pli ĝusta "Bieron trinkantaj viroj".

Oni klare distingas inter SEMOMANĜAJ BIRDOJ, en kiu esprimo temas pri speciala speco de birdoj, kaj SEMOJN MANĜANTAJ BIRDOJ, en kiu frazo temas pri hazarda ago de birdoj kiuj manĝas ankaŭ aliajn aferojn. Pro la sama tialo oni ne diru "Bieron trinkaj viroj" nek "Biertrinkantaj viroj".

Oni diras RAPIDAJ KURANTOJ se temas pri hazarda kurado, sed RAPIDKURANTOJ se "kuri" estas ilia sporto.

MALSEKRESTA plantpoto estas poto kiu ĉiam estas malseka, dum hazarde malseka poto estas MALSEKE RESTA aŭ MALSEKE RESTANTA PLANTPOTO.

Tamen oni kutime diras PREZIDANTELEKTO kaj KASISTELEKTO, kaj ne "Prezidanta elekto" nek "Kasista elekto".

SUNBRILSERĈA VIRINO havas la kutimon, dum SUNBRILON SERĈANTA VIRINO estas hazardo.

LONGDORMA PACIENTO havas tiun kutimon, dum LONGE DORMANTA PACIENTO nur hazarde.

MALFRUE FINITA LABORO normale ne finiĝas malfrue, dum MALFRUFINA LABORO nornale finiĝas malfrue.

Sed PLANTODIETO kaj PLANTA DIETO uzatas, nelogike, por la sama afero.

Ni do konstatas ke la Esperantistoj ofte elektas logike inter vortkunmetoj kaj abstraktaj esprimoj, sed ne ĉiam.

*M. L*.

DEMOKRATECAJ EBLOJ.

Kvankam la homoj ne volas, aŭ pensas ke ili ne povas, ŝanĝi perforte la nunan egoismecan sistemon socian, ili tamen kapablas alproprigi al si iomete pli da potenco kontraŭ la fortegaj regantoj ante la homaron, la internaciaj kompaniegoj. Ili jam faras tion havante demokratajn instituciojn kaj registarojn. Sed tiuj malmulte efikas, ĉar la prizorgantoj de tiaj institucioj estas pli-malpli regataj de la kompaniegoj. Referendumoj, kiel en Svisujo, pli efikas, sed estas malfacile kaj koste organizeblaj en pli grandaj landoj. Cetere la politikistoj ne ŝatas ilin.

En Usono oni antaŭ deko da jaroj inventis pli efikan kaj pli facile organizeblan agmanieron: homoj en multaj usonaj urboj formis komitatojn por peti usonanojn ne manĝi ĉar ne aĉeti viandon dum semajno, aŭ pli longe, por protesti kontraŭ la potencaj viandokompanioj, kiuj altigis la prezojn de viandovaroj por ricevi pli da profito. La protesto sukcesis, ĉar multaj homoj ĉesigis aĉeti viandaĵojn. Sed oni ne ripetis tian agadon en aliaj sferoj, ekz. la prezoj de benzino, verŝajne ĉar la kompanioj post tiu viandoprotesto trovis pli malpublikajn manierojn por plialtigi siajn prezojn. Sed la ideo estis bonega, kaj eble ripetatos en la estonteco, en ia ajn komerca kampo.

*M. L.*

AŬTUNAJ KOLOROJ ?

Mia brunkolora kverko fine decidis komenci, kvankam hezite, brunigi siajn foliojn,kvankam ĝi ankoraŭ estas preskaŭ tute verda. Sed decidis resti tute verda, tre malfrue en la aŭtuno, mia ora ulmo, Ulmus Procera Vanhouttei, ulmo kiu malpost (= antaŭ) du jarcentoj kreatis de nederlandano (Van Houtten) el la skota ulmo. Cetere mi havas en poto malgrandan “bunya tree”, indiĝenan al Kvinslando kaj pli norde, kiun mi decidis planti, post la seka jarperiodo, apud la barilo kun najbara ĝardeno, por ke ili povu, post kvardek jaroj, kunĝui la grandegan tropikan arbon. Pro ĝiaj multaj akraj pingloj sur la folioj la indonezianoj nomas ĝin “simioenigma arbo, ĉar la simioj ne povas grimpi en ĝi. Kvankam tropika kaj duontropika, ĝi kapablas kreski altege ankaŭ en Melburno. Ĝia latina nomo: Araucaria Bidwilli.
*M. L.*

DUA LISTO DE MALSAMAJ TRADUKOJ DE “TO GET”.

Jen estas la tradukproponoj por n.roj 16 ĝis 33 de la kvindekfraza listo:

16). *I shall get you off that duty* >> MI LIBERIGOS CIN DE TIU DEĴORO.

17). *She is getting on well after her fall* >> ŜI BONSTATAS POST SIA FALO.

18). *Try to get on that camel* >> PENU SURIĜI SUR TIUN KAMELON.

19). *His business is getting on fine* >> IIA KOMERCO PROSPERAS BONE.

20). *You better get on with that job!* >> VI PREFERE DAŬRIGU TIUN TASKON!

21). *She got out the vegetables,* >> ŜI HAVIGIS AL SI LA LEGOMOJN,

22). *and then got out of the kitchen* >> KAJ POST TIO ŜI ELIRIS EL LA KUIREJO.

23). *They now get out a second magazine.* >> ILI NUN ELDONAS DUAN GAZETON.

24). *We got over the obstacles,* >> NI VENKIS LA OBSTAKLOJN,

25). *and got over the owner,* >> KAJ TROMPIS LA POSEDANTON,

26). *and got over the flue.* >> KAJ RESTATIĜIS EL DE LA GRIPO.

27). *Instead of getting through the mountain,* >> ANSTATAŬ IRI TRA LA MONTON,

28). we got around it. >> NI ĈIRKAŬIRIS ĜIN.



29). *I got through all the work.* >> MI PLENUMIS ĈIUN LABORON.

30). *We shall get up at six,* > NI ELLITIĜOS JE LA SESA,

31). *to get up breakfast,* >> POR PRETIGI NIAN MATENMANĜON,

32). *before the sun gets up.* >> MALPOST (= antaŭ) OL LA SUNO LEVIĜOS.

33). *They got two big fish from the river.* >> ILI KAPTIS DU GRANDAJN FIŜOJN EL LA RIVERO.

Se vi trovas pli bonan tradukon, sendu ĝin al A. E.

La resto aperos proksimeldone. *Marcel Leereveld.*



# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 6-an de Majo dek unu homoj (inkluzive de kvar komencantoj) kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar por kafumi kaj babili.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 7-an de Majo dek unu homoj (inkluzive de du komencantoj kaj gasto de Pollando) kunvenis ĉe Ross House. Ni babilis kaj tradukis kelkajn frazojn de la angla kiuj enhavis la esprimon “*to catch up*”.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 13-an de Majo je 15:00-17:00

Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Lundon 14-an de Majo je 18:30-20:30

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1117 Instagram – 158

Facebook – 380 Telegram – 19

Twitter – 388 *Joanne Johns*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 13 Mi fariĝas ankaŭ ĉerkoportisto. Kvara ero



Kiam iu el la laborgvidistoj iris hejmen, li faris tion aŭtomobile. Ĉe la elirejo mi haltigis lin. "Malfermu la kofrujon", mi diris. "Mi estas unu el la laborgvidistoj", respondis li, "mi rajtas libere eliri !" "Eble ne plu !", diris mi, kaj la kompatindulo malfermis la kofrujon, en kiu mi trovis multe da kotono. "Tion vi evidente ŝtelis !", diris mi. "Donu ĝin al mi", kaj mi skribis la numeron de lia aŭto.

La postan vesperon mi informiĝis, ke laboristoj en aŭtoj ne bezonas esti priserĉataj. Kaj mi priserĉis ankaŭ ne la laboristinojn, kiuj iris hejmen per vagonaro, buso aŭ tramo. Devas ja, malgraŭ ĉio, esti iom da justo ankaŭ en kotonŝpinejoj !

Estis la tasko de tiu noktogardisto, kiu estas en la tombejo je sunsubiro, sonorigi la sonorilojn en la turo de Norda Kapelo. Fine estis ankaŭ mia vico fari tion. Mi antaŭvidis la vesperon, kaj ĉar mi bone, eĉ bonege, konis la laboristojn en la tombejo, ili antaŭe informis min kiel fari tion. Oni unue enlasas sin en la kapelon, iras supren en la turo ĝis la supro. Tie pendas du sonoriloj, unu malgranda kaj alia tre granda. Oni devas do pasigi kelkajn minutojn batante la grandan, kaj poste aliajn kelkajn minutojn batante la malgrandan, kaj poste ankoraŭ kelkajn minutojn ree batante la grandan ktp. Mi ne plu memoras precize kion mi faris. Sed mi iris tien kaj tirante longajn ŝnuregojn ekbatis, dum blekis la hienoj, kompreneble ne en Vestre Kirkegård, sed en Afriko. Kaptis min la penso, ke nun miaj gepatroj aŭdas la sonorilojn, ne sciante, ke estas nur mi, kiu batas ilin.

Kiam fine sufiĉis la batado, mi supozas ke mi pasigis 20 ĝis 30 minutojn en la supro de la turo, mi malsupren iris. Sed ho ve. Estis nun tre mallume, kaj la ŝtuparo estis tre mallarĝa. Sed iom post iom mi atingis la teron kaj sentis min tre feliĉa en la mezo de la tombejo.

Estis en Sudhaveno ankaŭ spegulfabriko. Kiam oni eniris ĝin, oni vidis nur la spegulbildon de sia lumilo. Estis tre malfacile orienti sin en tiu fabriko.

Iu el miaj kolegoj iam eniris la spegulfabrikon. Enirinte li aŭdis iom da bruo. Sendube iu ŝtelisto estas forŝtelanta spegulon. Li telefonis al la polico, kiu venis, kiel ĉiam, nur longan tempon poste. Ili estis pluraj policistoj, kaj ili komencis, kune kun la noktogardisto, traserĉi la fabrikon.

Subite la noktogardisto vidis palan vizaĝon ekster unu el la fenestroj. Kredante ke ĝi apartenas al la ŝtelisto, li pugnofrapis al ĝi tra la vitro. Sed, ho ve ! La pala vizaĝo apartenis al unu el la policistoj, kiu, post tiam, ne plu ridis, almenaŭ ne multe ! *Daŭrigota* *BobFelby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**3ZZZ** ….. Lundon, la 7an de majo venis al la radiostacio gasto el Pollando,el la urbo Konin, Pawel Sikorski . Se vi volas scii pli pri li aŭskultu la elsendon aŭ pere de la retejo de la stacio je www. 3zzz.com.au aŭ el la arĥivoj www.esperanto.org.au



Informas la kunvokanto, Franciska Toubale"